3.ª Epoko * N.º 97 :: Junio * 1925 ::

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## Nova oficiala decido favora al Esperanto

Al la Reĝa ordono publikigita en tiu-ĉi sama loko de nia lasta numero, per kiu la hispana registaro nomis tri oficialajn delegitojn por partopreni la Internacian Konferencon por la uzado de Esperanto en la sciencoj, ni devas aldoni la sekvantan, kiun atingis nia malnova samideano S-ro. Anguiano, responde al peto farita al la Ĝenerala Direkcio de Instruado:

«Konsiderante la petskribon transsenditan de vi al tiu-ĉi Ministerio, kun favora informo, la 13ªⁿ de februaro lasta, per kiu S-ro. Benito Anguiano, instruisto ĉe La Línea, petas permeson por klarigi senpagan kurson de esperanto for de sia lernejo, tiu ĉi Direkcio decidis konsenti je la dirita peto laŭ la maniero dezirata de la suprenomita instruisto S-ro. Anguiano».

Ni rekomendas tiaspecajn oficialajn petojn, kiuj tre helpas nian propagandon, kaj ni gratulas nian samcelanon kaj karan amikon S-ron. Anguiano pro lia sukceso.

## Nueva resolución oficial favorable al Esperanto

A la Real orden publicada en este mismo lugar de nuestro último número, por la que el Gobierno español nombraba tres delegados oficiales para tomar parte en la Conferencia Internacional para el uso del Esperanto en las ciencias, debemos añadir la siguiente, que ha conseguido nuestro antiguo correligionario señor Anguiano, en contestación a una solicitud dirigida a la Dirección General de Instrucción:

«Vista la instancia elevada por usted a este Ministerio, con favorable informe, en 13 de febrero último, en la que don Benito Anguiano, maestro de La Línea, solicita autorización para explicar gratuitamente una clase de Esperanto en local distinto a la escuela, esta Dirección ha resuelto acceder a dicha solicitud en la forma expuesta por el mencionado maestro Sr. Anguiano».

Recomendamos esta clase de peticiones oficiales, que ayudan mucho nuestra propaganda, y felicitamos a nuestro compañero de ideas y querido amigo señor Anguiano por su éxito.



# Al la spirit'de nia Majstro

SONETO

Je la 2.ª de junio 1887ª, unua publika apero de Esperanto.

Spirit' de nia Majstro, frumortinta,
kuraĝiganta tamen vi nin ĉiam;
per pacienc', espero, kiel iam
plenigu nin, vi, senton alportinta
tutnovan al la mondo en malpaco!
Fortigu nin en nia batalado!
Al venko gvidu nin en klopodado
por amo kaj kompren' sur tera spaco,
por ke al sankta la Ide' fidelaj
de lia tuta vivo ni dediĉu
la nian senrezerve, senŝancelaj,
por ke konstante ĉirkaŭ ĝi ariĝu
la fratoj de l' homar' progreson celaj,
kaj alta la Ideo realiĝu!

Originalo de

JOBO.

Kordovo.

# IIIª Iberia Esperantista Kongreso

### Kordovo 10-12 majo 1925

Por doni al la legantoj de LA SUNO HISPANA tujan, kvankam provizore nur tre koncizan raporton pri la kongreso, ni limigas nin citi nur la nepre plej necese sciindajn faktojn kaj decidojn. Detalajn aĵojn ni amplekse priskribos en la KONGRESA BULTENO aŭ Raportara kongreslibro. Tie ni publikigos ankaŭ bilancon.

Statistiko: Aliĝintoj, 107 (inter ili 5 eksterlandanoj) Ĉeestintoj, 46 = 43'8 %.

Malferma solena kunsido okazis la 10an de majo 1925, je la 11ª en la ĉefsa-

# III Congreso Esperantista Ibérico

### Córdoba 10-12 mayo 1925

Para dar a los lectores de LA SUNO HISPANA una rápida, aunque sucinta y provisional relación del Congreso, nos limitamos a citar los hechos y acuerdos de más importancia. Todos los detalles aparecerán ampliamente descritos en el Boletín del Congreso que se está preparando y que se editará seguidamente como complemento al libro del Congreso; en él publicaremos también el Balance.

Estadística: Adheridos, 107 (entre ellos cinco extranjeros). Asistentes, 46 = 43'8 %.

La solemne sesión de apertura tuvo lugar el día 10 mayo 1925, a las once, en

lono de la Kordova Urbestrejo, sub la prezido de la ŝtataj aŭtoritatoj kaj krom la oficialaj delegtioj, kun ĉeesto de multnombra esperantista kaj neesperantista publiko pleniganta la salonon ĝis la lasta angulo.

Parolis la reprezentantoj de l'eksterlando nur en Esperanto, la ceteraj parte esperante, parte hispane. En belaj paroladoj la aŭtoritatuloj tute trafe skizis celon kaj idealon de Esperanto, promesante ĉian eblan helpon. Posttagmeze, je la 3ª solena malfermo de la Ekspozicio en la galerio de la belega kongresejo «Círculo de Amistad (Amika Klubo)». Ĝi surprizis kaj mirigis eksterordinare ĉiujn vizitantojn per sia grandeco, amplekso kaj bonaranĝo. Patronis ĝin tre afable la ĉitiea Akademio pri Sciencoj, Beletristiko kaj Noblaj Artoj, kies prezidanto ankaŭ dum la malferma kunsido parolis tre elokvente pri nia ideala lingva afero.

el salón Capitular de las Casas Consistoriales bajo la presidencia de las autoridades y, además de los delegados oficiales, con asistencia de gran número de esperantistas y no esperantistas que llenaron completamente el salón.

Hablaron los representantes extranjeros en Esperanto y los demás parte en Esperanto y parte en español. En bellos párrafos las autoridades describieron muy acertadamente el objeto e ideales del Esperanto, prometiendo toda clase de ayuda; por la tarde, a las tres, se verificó la solemne apertura de la Exposición en las galerías del bello local del Congreso «Círculo de la Amistad», causando gran sorpresa y admiración extraordinaria a todos los visitantes por su grandiosidad, amplitud y buena disposición. La ha patrocinado muy afablemente la Academia Cordobesa de Ciencias, Bellas Letras y Nobles Artes, cuyo presidente también en la sesión de apertura habló muy elocuentemente sobre nuestros ideales lingüísticos.

Post la vizito al la Ekspozicio sekvis vizito al la Moskeo kaj la urbaj muzeoj. Detale ni rakontos ankaŭ pri la amuzoj en nia kongresa raportaro.

Vespere oni aranĝis provizoran kunvenon, fiksante en ĝi la tagordon, kaj oni elektis la kongresprezidanton sinjoron F. Azorín, vicprezidanton S-ron. C. Martínez, du sekretariojn S-rojn. Berger kaj F. Serrano. *Samtempe oni diskutis pri la* propono «Daŭrigo de eldono de 10-centimaj esperanto-ŝ'osiloj», post kiam samideano Mangada komunikis, ke tiaj broŝuretoj ekzistas ankoraŭ milope ĉe la eldonisto, kie ĉiu grupo aŭ izolulo povus aĉeti ilin en dezirata kvanto.

Después de la apertura de la Exposición, se organizó una visita a la Mezquita y a los Museos de la ciudad. Oportunamente detallaremos las diversiones organizadas. Al atardecer, se verificó una reunión previa para fijar el orden del día, eligiendo presidente al *samideano* F. Azorín, vicepresidente C. Martínez, y secretarios J. Berger y J. Serrano. Al mismo tiempo, se discutió acerca de la proposición de volver a editar las claves esperantistas de diez céntimos, comunicando el Sr. Mangada que tales folletitos existen todavía a miles en Madrid, en casa del editor, y que todo Grupo o individuo puede comprarlos directamente en la cantidad deseada.

Lundon 12an matene, je la 10ª, unua laborkunsido. Vigla debatado pri la demando: «Konfederacio Iberia» aŭ «Asocio Hispana». En ĝi partoprenis samideanoj Maynar, Mangada, Rocamora, Berger, F. Serrano, Linares, k. a. Interkonsenton oni ne povis atingi. Prezidanto Azorín fermis la kunsidon je la 12ª horo, por

El lunes 12, por la mañana, de diez a una, primera sesión ordinaria. Agudo debate sobre la cuestión: Confederación Ibérica o Sociedad Española. Intervinieron en él los Sres. Maynar, Mangada, Rocamora, Berger, F. Serrano, Linares y otros, sin llegar a un acuerdo. El presidente, Sr. Azorín, levantó la sesión a las doce

povi tagmanĝi kaj prepariĝi por la posttagmeza ekskurso al la «Bieno de la Arhoj» aŭtobuse.

Reveninte, je la 6ª, daŭris la kunsida laboro. Kontraŭe al la antaŭtagmeza trodiskutemo, oni nun aŭskultis atente la tre klaran, konvinkan paroladon de samideano Mangada pri la organizproblemo kaj voĉdonigis pri la du proponoj: «Daŭrigo sub Esperantista Konfederacio Iberia» aŭ «Starigo de Hispana Esperanto-Asocio» (HEA). La lasta propono atingis el 19 ĉeestantoj nepran plimulton, havante 14 voĉojn, la unua 1, 4 sindetenoj, do *aprobita.*

Mangada reparolante klarigis, ke la nuna formo same kiel la konfederacia, lasas ĉian ajn liberecon al federacioj, grupoj kaj izoluloj. Lokajn limojn ne fiksas la nova organizo. Aliĝon eblas al ĉiu kiu volas. La regularo, samtempe provizore akceptita estos tuj prezentota al la aŭtoritatoj por oficialigo, por ke tuja eklaboro povos komenci. La venonta kongreso okupos sin pri detala eksploro de la *regulara* demando, inkluzive la kreota Hispana Esperanto-Instituto. Tiucele laŭ propono Berger, oni presigos la provizoran regularon, por ĝin sendi al ĉiuj grupoj, federacioj kaj opaj esperantistoj. Tiel ĉiu havos la eblon ĝin detale studi por poste fari siajn proponojn al la venonta kongreso, kiun unuvoĉe oni destinis al Madrido, nomonte ĝin *VIª Kongreso de HEA,* por fine rekoni oficiale kiel tiajn ankaŭ la gravajn Udkeilo (Unua Kongreso) kaj Dudkeilo (Dua Kongreso).

La gazeto de HEA estos La Suno Hispana por kies pliampleksigo per aldonoj de tempo al tempo oni plejeble zorgos. Konsiderante, ke ni ĝis nun ne estas reprezentataj en K. R. la provizora estraro rajtas tuj sendi la necesan sumon al ĝia kasisto, por ke HEA havu voĉdonrajton en 1925. Kotizo jara: membro de HEA, kun ricevo de la gazeto, 6 pese-

para poder comer y prepararse para la excursión de la tarde a la Huerta de los Arcos en autobús.

Al regreso, a las seis, se continuó la sesión, y contrariamente a la excesiva discusión de por la mañana, después de oir muy atentamente la muy clara convincente argumentación del Sr. Mangada sobre el problema de organización, se votaron las dos proposiciones: Continuación de la Confederación Ibérica Esperantista o creación de la Asociación Española Esperantista. La última proposición alcanzó, de los 19 presentes, indiscutible mayoría con catorce votos; la primera 1 y cuatro abstenidos, quedando, pues, aprobada.

Mangada, al hablar de nuevo, aclaró que la forma actual, lo mismo que la confederal deja a todos en libertad, ya Federaciones, ya Grupos, ya individuos. Límites locales no fija la nueva organización. Todo el que quiera puede adherirse. El Reglamento, provisionalmente aceptado, se presentará en seguida a las autoridades para su aprobación, con objeto de comenzar a trabajar inmediatamente. El próximo Congreso se ocupará de puntualizar detalles, incluso de la creación del Instituto Hispano Esperantista. Para este objeto, según proposición del señor Berger, se imprimirá el Reglamento provisional para enviarlo a todos los Grupos, Federaciones e individuos aislados, para que todos tengan la posibilidad de estudiarlo detalladamente y formular sus proposiciones en el próximo Congreso que, según acuerdo unánime será en Madrid, designándolo VI Congreso de H. E. A., para así reconocer oficialmente como tales las importantes Asambleas Deliberantes de Barcelona y Zaragoza.

El órgano de H. E. A., será La Suno Hispana, por cuya ampliación habrá que ocuparse con interés. Considerando que hasta ahora no estamos representados en la Comisión Permanente Internacional, la Directiva provisional queda autorizada para enviar inmediatamente la suma necesaria a su cajero para que H. E. A. tenga derecho a votar en 1925. Cotización

tojn; sen ĝi, 3 —. Familianoj de membroj po 1 —. La gazetabono estas nepre rekomendata. Lokajn kotizojn por grupoj kaj federacioj ne tuŝas la regularo.

Fermo de la kunsido: je la 8ª; depost la 9'30 h. gaja kunesto en kafejo.

Tria laborkunsido: 12ª de majo, je la 10'30 horoj. Oni pritraktas la proponojn de grupo Badajoza (Vidu *La Suno'n* numero 96, lastpaĝo), kiu post kelkaj aldonaj kaj klarigaj diskutoj ĉiuj estis aprobitaj. Propono Berger pri ekzamenoj estis transdonita al la publikigo kune kun la regularo. Samideano Rocamora transdonas ampleksan studaĵon pri la sama temo, kiun oni ankaŭ multobligînte dissendos.

La ĉefaj rezolucioj de la kongreso estas jenaj:

1) Peti al la Registaro la laŭgradan enkondukon oficialan de Esperanto en la Gimnaziojn, Porinstruistajn kaj Komercajn Lernejojn, despli ĉar oni jam rekonis per Reĝa Ordono de la 17ª de julio 1911ª la gravecon de l' idiomo helpa internacia;

2) Peti ke Hispanujo iniciatu en la vivo internacia la oficialigon de Esperanto, kunvokante laŭeble interŝtatan konferencon por tiu celo;

3) Rememorigi al la Registaro la devon realigi la decidon de la L. de N.— kies ano estas Hispanujo—ke Esperanto povas esti uzata telegrafe kiel *klara lingvo*.

Je la 12ª h. la prezidanto finas la kunsidon kaj samtempe la oficialan kongreslaboron per kelkaj dankvortoj, esprimante la esperon, ke ni sub la nova formo forte progresos.

Je la 1'30 h. posttagmeze komuna tagmanĝo kun la reprezentantoj de la

anual: Miembro de H. E. A. con suscripción al periódico, 6'00 pesetas; sin él, 3'00 pesetas. Miembros familiares del asociado, una peseta. La suscripción al periódico es recomendada con interés. Las cotizaciones para los Grupos y Federaciones quedan fuera de Reglamento.

Se levantó la sesión a las ocho, y a las nueve y media, alegre reunión en café céntrico.

Tercera sesión ordinaria: El 12 de mayo, a las diez y media. Se tratan proposiciones del Grupo de Badajoz (veáse *La S. H.*, número 96, última página), las cuales, después de algunas adiciones y aclaraciones, son totalmente aprobadas. Proposición del Sr. Berger sobre exámenes; fué agregada al Reglamento para su publicación. El Sr. Rocamora añadió un amplio estudio sobre el mismo tema, que se procurará también dar a conocer.

Las principales resoluciones del Congreso son:

1.ª Pedir al Gobierno el establecimiento gradual de cátedras oficiales de Esperanto en los Institutos, Normales y Escuelas de Comercio, haciéndose cargo de esta función cultural, encomendada actualmente a los Grupos esperantistas por R. O. 27 julio 1911, en la que quedó reconocida la importancia del idioma auxiliar internacional.

2.ª Solicitar que España inicie en la vida internacional la oficialización del Esperanto, sugiriendo una Conferencia de Estados para adoptarlo.

3.ª Recordar al Estado la obligación de sancionar el acuerdo de la Liga de Naciones, de la que España forma parte, de declarar el Esperanto lengua clara, y no clave, para el uso telegráfico.

A las doce, el presidente levantó la sesión, dando por terminados los trabajos del Congreso con palabras de agradecimiento y mostrando la esperanza de que, bajo la nueva forma, alcancemos máximo progreso.

A la una y media banquete, en el Círculo de la Amistad, con asistencia de re-

loka gazetaro, poste vagado tra la pentrindaj anguloj de la urbo.

Merkredo 13ª: ekskurso Seviljon, multege partoprenata. Ĝi estis nekomparebla bela tago, prezentanta ĉion dezireblan sub la gvidado sperta kaj lerta de nia brava Carlos Martínez (Karolo). La L. K. K. dankas lin speciale pro la tiom bonsukcesinta kaj belefika aranĝo. Sed detalojn vi legos, kiel pri Seviljo ankaŭ pri ĉio cetera en la baldaŭ publikigota Raportaro.

Supra resumo nur servu kiel rapida orientigilo pri la ĉefaĵoj de nia bona kaj bela—sentroige—IIIª Iberia Esperantista Kongreso.

Por la L. K. K.,
J. Berger.

presentantes de la Prensa y después excursión por los más pintorescos parajes de la ciudad.

Miércoles 13: Excursión a Sevilla muy concurrida y con un día bellísimo, gozando de sus encantos, bajo la experta dirección del entusiasta *samideano* de Sevilla D. Carlos Martínez. El Comité Organizador del Congreso le agradece muy especialmente su eficaz intervención preparándola. Detalles se darán, lo mismo sobre Sevilla que sobre el resto, en la Memoria anunciada.

El resumen que antecede sirva sólo como indicación breve de lo más importante de nuestro hermoso, sin exageración, III Congreso Esperantista Ibérico.

Por la Comisión Local del Congreso,
J. Berger.

---

## SOLENA MALFERMA KUNSIDO

### EN LA SORBONO DE LA KONFERENCOJ POR LA UZADO DE ESPERANTO EN LA SCIENCOJ : : : KAJ KOMERCO : : :

La 14ªⁿ de pasinta monato, je la oka horo vespere, okazis en la belega amfiteatro de la Pariza Universitato la solena malferma kunsido de la Internacia Konferenco por la uzado de Esperanto en la sciencoj kaj komerco, sub la prezidanteco de S-ro. Richet membro de la Instituto.

Post kelkaj vortoj de S-ro. Richet, rilatantaj la progreson de nia movado, ĝis la nuna epoko, paroladis pri la influo de Esperanto ĉe diversaj kaj ĉefaj branĉoj de la homa saĝeco: rilate la sciencoj, sinjoro Daniel Berthelot, membro de la Franca Instituto; rilate la radiofono, sinjoro Pierre Corret, vicprezidanto de la franca fako de T. S. F., prezidanto de la franca komitato pri transatlantikaj provoj kaj pri la komerco S-ro. Andreo Baudet, trezorestro de la Pariza Komerca Ĉam-

## SOLEMNE SESIÓN DE APERTURA

### EN LA SORBONA, DE LA CONFERENCIA PARA EL EMPLEO DEL ESPERANTO EN LAS CIENCIAS : : Y EN EL COMERCIO : :

El 14 del pasado mes, a las ocho de la noche, tuvo lugar en el hermoso anfiteatro de la Universidad de París, la solemne sesión de apertura de la Conferencia Internacional para el empleo del Esperanto en las ciencias y en el comercio, bajo la presidencia del Sr. Richet, miembro del Instituto.

Después de algunas palabras del señor Richet, relacionadas con el progreso de nuestro movimiento hasta la época actual, hablaron acerca de la influencia de Esperanto en las distintas ramas de la humana sabiduría: con relación a las ciencias, el Sr. D. Daniel Berthelot, miembro del Instituto Francés; en lo tocante a la radiotelefonía, D. Pedro Corret, vicepresidente de la sección francesa de la T. S. H., presidente del comité francés de ensayos trasatlánticos, y, en lo referente al co-

bro, kiu faris tre belan kaj instruan paroladon, klarigante la tutan esperantan gramatikon al la publiko, dum dek minutoj, pere de lumbildaj lekcionoj.

S-ro. Edmond Privat faris sinsekve tre altiran alparoladon en Esperanto.

Ĉiuj paroladoj estis tre aplaŭdataj de la multenombra ĉeestantaro, kiu plenigis la ampleksan kaj belegan amfiteatron de la Sorbono.

En la estrarejo sidiĝis la oficialaj delegitoj de la Hispana Registaro S roj. Torres Quevedo, Herrera kaj Inglada.

En venonta numero ni intencas publikigi detalajn raportojn pri ambaŭ konferencoj.

mercio, D. Andrés Baudet, jefe de la depositaría de la Cámara de Comercio de París, quien pronunció un bello e instructivo discurso, explicando toda la gramática esperantista al público, en diez minutos, por medio de lecciones proyectadas en la pantalla.

El Sr. Edmond Privat pronunció a continuación un discurso muy sugestivo en esperanto.

Todas las oraciones fueron extraordinariamente aplaudidas por la numerosa concurrencia que llenaba el amplísimo y hermoso anfiteatro de la Sorbona.

En el estrado tomaron asiento los delegados oficiales del Gobierno Español, Sres. Torres Quevedo, Herrera e Inglada.

En el número próximo intentamos publicar relatos interesantes de ambas conferencias.

---

# XVIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Genéve, 2—7 aŭgusto 1925**

ADMINISTRA INFORMILO

*Adreso:* XVII. Kongreso de Esperanto, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.
*Kotizo:* 25 Fr. sv. po persono: UEA-anoj 20 Fr. sv.; Junuloj (UEA-anoj) 15 Fr. svisa valoro.

**Turista bileto**, entenanta la kongreskotizon, biletojn por somera universitato, teatro, balo, ŝipekskurso, unusemajna loĝado kaj manĝado, kun ĉiuj trinkmonoj:

*Simpla:* 110 Fr., *Meza:* 140 Fr.,
(ruĝa) (verda)
*Unuaranga:* 200 Fr., *Luksa:* 300 Fr.
(flava) (blanka)

Tiuj prezoj *ne* entenas la vojaĝkoston. —Repago okaze de neĉeesto malpli 20 Fr. kongreskotizo.

Ĉar la nombro de la turistaj biletoj

# XVII CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO

**Ginebra, 2—7 agosto 1925**

BOLETÍN DE INFORMES ADMINISTRATIVO

*Dirección:* XVII Congreso de Esperanto, 12 Boulevard du Théâtre, Ginebra.
*Cuota:* 25 francos suizos por persona; socios de UEA, 20 francos, jóvenes (socios de UEA), 15 francos.

**Billete de turista**, incluídos la cuota de congresista, billete para la universidad de verano, teatro, baile, excursión en barco, alojamiento y comida por una semana, con todas sus propinas.

*Sencillo:* 110 fr. *Mediano:* 140 fr.
(rojo) (verde)
*Primera clase:* 200 fr. *De lujo:* 300 fr.
(amarillo) (blanco)

Estos precios *no* comprenden el coste de viaje.—Devolución en caso de no asistir, menos los 20 francos de la cuota de congresista.

Como el número de los billetes de

estas limigita pro hotelaj kaj teatraj aranĝoj, oni mendu ilin tuj. La mendlisto estos fermita tre baldaŭ!

**Vizo de pasportoj.**—El jenaj landoj la kongresanoj ratjas eniri Svislandon *sen vizo*, nur prezentante sian nacian pasporton: *Francujo, Liechtenstein, Belgujo, Danujo, Brita Imperio, Luksemburgo, Nederlando, Norvegujo, Svedujo, Hispanujo, ĉiuj ŝtatoj de Ameriko, Ĥinujo, Japanujo.*

Alilandaj kongresanoj devas prezenti sian pasporton al la svisa konsulejo, kie ili ricevos senpagan vizon montrante sian kongreskarton. Kie ekzistas specialaj kondiĉoj pri vojaĝo eksterlanden, la L. K. K. faros necesajn klopodojn ĉe la koncerna registaro.

**Pagmaniero:** Laŭ interkonsento kun UEA ĝiaj poŝtĉekkontoj diverslandaj kun adreso de UEA povas esti uzataj.

*Aŭstria:* Konto 105.439 Postsparkassenamt Wien.

*Ĉeĥa:* Poŝtĉekkonto 79.236, Praha.

*Germana:* Poŝtĉekkonto 90.850, Frankfurt am Main.

*Svisa:* Cpte Chèques Postaux, Genève I, 2.310.

*Pola:* Konto: 190 576, Warszawa.

Plie estas akceptataj ĉiu fremda mono, en banko ŝanĝebla, ĉekoj, ĝiritaj al *XVII. Kongreso de Esperanto, Genève*, ktp.

### Provizora programo

Vendredon, 31 julio: Vespere malfermo de la Somera Universitato.

Sabaton, 1 aŭgusto: Prelegoj ĉe la Somera Universitato.

Dimanĉon, 2 aŭgusto: Matene Diservoj, posttagmeze K. R., vespere solena malfermo de la kongreso.

Lundon, 3 aŭgusto: Matene laborkunsi-

turista es limitado por la preparación de hoteles y teatros, pídanse en seguida. ¡La lista de encargos se cerrará muy pronto!

**Visado de pasaportes.**—Los congresistas de los siguientes países tienen derecho a entrar en Suiza *sin viso*, presentando solamente el pasaporte de su nación: *Francia, Liechtenstein, Bélgica, Dinamarca, Imperio Británico, Luxemburgo, Holanda, Noruega, Suecia, España, todos los estados de America, China, Japón.*

Los congresistas de otros países deben presentar su pasaporte en el consulado suizo, donde será visado gratuitamente enseñando el carnet de congresista. Donde existen condiciones especiales para viajar al extranjero, el Comité Local del Congreso hará las necesarias gestiones cerca del gobierno correspondiente.

**Forma de pago:** Según convenio con UEA, sus cuentas de cheques postales con varios países a su nombre pueden ser usadas.

Con *Austria:* Cuenta 105. 439 Postsparkassenamt Viena.

*Checoeslovaquia:* Cuenta de cheques postales 79.236, Praga.

*Alemania:* Cuenta de cheques postales 90.850, Frankfurt am Main.

*Suiza:* Cuenta de cheques postales, Ginebra I, 2.310.

*Polonia:* Cuenta: 190.576, Varsovia.

Además se aceptan toda moneda extranjera, cambiable en banco, cheques, girados al *XVII Congreso de Esperanto, Ginebra*, etc.

### Programa provisional

Viernes, 31 de julio: Por la noche, apertura de la Universidad de verano.

Sábado, 1 agosto: Conferencias en la Universidad de verano.

Domingo, 2 agosto: Por la mañana, actos religiosos; por la tarde, Comité de Representantes; por la noche, apertura solemne del congreso.

Lunes, 3 agosto: Por la mañana, sesión de

do, posttagmeze ŝipekskurso sur Ĝeneva Lago.
Mardon, 4 aŭgusto: Prelegoj, fakoj, vespere balo.
Merkredon, 5 aŭgusto: Prelegoj, fakoj, vespere teatro.
Ĵaŭdon, 6, aŭgusto: Prelegoj, komitatoj vespere teatro.
Vendredon, 7 aŭgusto: Matene fina laborkunsido.
Sabaton, 8 aŭgusto: Ekskurso al svisa montaro.

---

Pri la Somera Universitato jen detala priskribo, kiun publikigis la Loka Organiza Komitato:

## LA SOMERA UNIVERSITATO

La ĉefa novajo por la esperantistaro en 1925 estos la Somera Universitato en nia lingvo. Jam antaŭ la milito D ro. Privat projektis tiun aferon kaj de la 1 ĝis 7 aŭgusto 1925 li intencas ĝin realigi unuafoje laŭ la jena programo, se sufiĉa nombro da partoprenontoj enskribiĝos:

Vendredon, 31 julio, vespere, la somer-kursoj en Esperanto solene malfermiĝos per ceremonio ĉe la Ĝeneva Universitato sub prezido de ties Rektoro.

Sabaton, 1 aŭgusto, la prelegoj komencos kaj okazos regule ĉiumatene. La somer-universitato enhavos kredeble kvar sekciojn, unu pri pedagogio kaj psikologio, unu pri lingvoscienco, unu pri fizika scienco kaj unu pri internacia juro.

La unua sekcio estos aranĝata rekte de la universitata lernejo de pedagogiaj sciencoj (Instituto J. J. Rousseau) sub persona gvidado de la konata Prof. Pierre Bovet. Krom la prelegoj pri psikanalizo kaj novaj pedagogiaj metodoj, la sekcianoj kunvenos en la instituto kun Profesoroj Bovet, Baudoin, Flügel, de la Londona Universitato k. a. por interparoli pri tiuj temoj kaj kune vizitos interesajn

trabajo; por la tarde, excursión en barco por el Lago de Ginebra.
Martes, 4 agosto: Conferencias, secciones, por la noche baile.
Miércoles, 5 agosto: Conferencias, secciones, por la noche teatro.
Jueves, 6 agosto: Conferencias, comisiones, por la noche teatro.
Viernes, 7 agosto: Por la mañana, sesión final de trabajo.
Sábado, 8 agosto: Excursión a las montañas suizas.

---

Respecto a la Universidad de verano, he aquí una descripción detallada, que publica el Comité Local Organizador:

## LA UNIVERSIDAD DE VERANO

La principal novedad para los esperantistas en 1925 será la *Universidad de verano* en nuestra lengua. Ya antes de la guerra el Dr. Privat proyectó este asunto, y del 1 al 7 de agosto de 1925 intenta realizarlo por primera vez con arreglo al siguiente programa, si se inscriben suficiente número de adhesiones:

Viernes, 31 julio, por la noche, los cursos de verano en Esperanto se inaugurarán solemnemente con una ceremonia en la Universidad de Ginebra, bajo la presidencia de su Rector.

Sábado, 1 agosto, las explicaciones empezarán y seguirán con regularidad todas las mañanas. La Universidad de verano comprenderá probablemente cuatro secciones: una sobre pedagogía y psicología, una sobre ciencia lingüística, una sobre ciencia física y una sobre derecho internacional.

La primera sección será organizada directamente por la escuela de ciencias pedagógicas de la Universidad (Instituto J. J. Rousseau), bajo la dirección personal del conocido Profesor Pierre Bovet. Además de las explicaciones sobre análisis psíquico y nuevos métodos pedagógicos, los miembros de esta sección se reunirán en el Instituto con los Profesores Bovet, Baudoin, Flügel, de la Universidad de

lernejojn, eksperimentejojn, ktp. Tiu fako interesos antaŭ ĉio la geinstruistojn kaj edukistojn.

La dua sekcio estos aranĝata de la Internacia Instituto de Esperanto. Profesoro Collinson, de la Liverpoola Universitato, kaj aliaj diverslandaj lingvistoj prelegos tie pri la historio, literaturo kaj sintakso de nia lingvo kaj pri lingvoscienco ĝenerale. Ĝi interesos ĉefe tiujn, kiuj deziras pliperfektigi sian konon de Esperanto kaj kapabliĝi por instrui ĝin.

La tria sekcio dediĉos prelegojn al scienco kaj tekniko de radio, celante aŭdigi en nia lingvo klaran instruadon pri tiu temo per kompetentaj scienculoj el diversaj nacioj.

La kvara sekcio estos aranĝata kun helpo de la Ligo de Nacioj, de la Internacia Labora Oficejo, de la Universala Poŝta Unio, de la Universala Telegrafa Unio kaj de la Internacia Komitato de la Ruĝa-Kruco. Ĝi celos informi precize la studantojn pri la statutoj kaj funkciado de la oficialaj interŝtataj institucioj. Krom prelegoj okazos ankaŭ vizitoj.

Ni esperas, ke la enskriba pago por la Somera Universitato povos malaltiĝi ĝis 5 sv. frankoj por la kongresanoj, sed, ĉar ĉiu sekcio kompreneble povos ricevi nur limigitan nombron da partoprenantoj, ni petas afable ĉiujn aliĝontojn, ke ili jam de nun informu nin, *sur aparta papero*, al kiu sekcio ili deziras aliĝi, ĉiam indikante sian profesion kaj laŭvole sian universitatan aŭ lernejan gradon, se ili posedas unu.

Londres, y otros para conversar sobre estos temas y visitar juntamente interesantes escuelas, sitios de experimentación, etcétera. Esta sección interesará ante todo a los maestros y maestras y preceptores.

La segunda sección será organizada por el Instituto Internacional de Esperanto. El Profesor Collinson, de la Universidad de Liverpool, y otros lingüistas de diversos países, explicarán allí sobre la historia, literatura y sintaxis de nuestra lengua y sobre ciencia lingüística en general. Interesará, principalmente, a aquellos que deseen perfeccionar sus conocimientos de Esperanto y capacitarse para enseñarlo.

La tercera sección dedicará sus conferencias a la ciencia y técnica de la radio, procurando dar en nuestra lengua instrucciones claras sobre este tema por competentes hombres de ciencia de varias naciones.

La cuarta sección será organizada con auxilio de la Liga de Naciones, de la Oficina Internacional del Trabajo, de la Unión Postal Universal, de la Unión Telegráfica Universal y del Comité de la Cruz Roja. Procurará informar exactamente a los estudiantes sobre los estatutos y funcionamiento de las instituciones oficiales internacionales. Además de explicaciones habrá también visitas.

Esperamos que la cuota de inscripción para la Universidad de verano podrá rebajarse hasta 5 francos suizos para los congresistas; pero como, naturalmente, cada sección sólo podrá recibir un limitado número de adheridos, rogamos atentamente a todos los que hayan de serlo, que ya desde luego nos informen, en peticiones separadas, a qué sección desean adherirse, siempre indicando su profesión y, si quieren, su título universitario o escolar, si poseen alguno.

# Esperanto, la helpa lingvo de Radio

**Komisiono kaj Plenkunsido de Unua Internacia Kon|reso de Radio-Am|toroj akceptis rezolucion favoran por Esperanto.**

Laŭ komuniko de Int. Centra Komitato, ni konigas al niaj legantoj ĉi-sekvantan ĝojigan fakton:

De 14—19 aprilo okazis en Paris la Unua Internacia Kongreso de Radio-Amatoroj, sur kies tagordo ankaŭ troviĝis, laŭ iniciato de American Radio Relay League, la demando pri internacia helplingvo.

Estas ankaŭ konate, ke de kelkaj monatoj la idistoj koncentris sian tutan intereson je varbado al tiu organizo.

Tiu-ĉi kongreso nun definitive akceptis Esperanton kiel sian internacian helplingvon.

Speciala subkomisiono por esploro de la demando kun 13 voĉoj kontraŭ 2 sindetenoj akceptis rezolución favoran al Esperanto.

La Plenkunsido de la kongreso unuanime malpli 1 voĉo por angla lingvo kaj 1 voĉo por Ido akceptis la rezolucion, kies tekston oni legas ĉi-apude.

Ne estas dubeble, ke tiu decido forigos la hezitemon ĉu elekti Esperanton, ĉu Idon inter multaj radio-interesatoj, kiujn erarigi sukcesis la idistoj.

De alia flanko oni komunikas sekvantajn detalojn:

Dum la kongreso, kiu enhavis en la programo la problemon de lingvo internacia, estis starigita speciala komisiono sub la prezido de S-ro. Edmond Privat kun vic-prezidantoj S-roj. Turner kaj Nordin (sveda idisto) kaj sekretario sinjoro Epton.

Dum la ĝenerala kunsido de 19. 4. la kongreso akceptis la favoran rezolucion

# El Esperanto, lengua auxiliar de la Radio

**La Comisión y sesión plena del Primer Congreso Internacional de Radio Aficionados aprueba una resolución favorable al Esperanto.**

Según comunicación del Comité Central Internacional, participamos a nuestros lectores el siguiente grato suceso:

Del 14 al 19 de abril ha tenido lugar en París el Primer Congreso Internacional de Radio-Aficionados, en cuyo orden del día figuraba también, por iniciativa de la Liga Americana Radio Relay, la proposición sobre lengua internacional auxiliar.

Sabido es también, que hace algunos meses los idistas concentraban todo su interés en la conquista de aquella organización.

Este congreso acaba de adoptar definitivamente el Esperanto como idioma internacional auxiliar.

Una subcomisión especial para explorar la cuestión, aceptó por 13 votos contra 2 abstenciones una resolución favorable al Esperanto.

La Sesión plena del congreso, por unanimidad, menos un voto en favor del inglés y otro en favor de Ido, aceptó la resolución, cuyo texto se lee más adelante.

Es indudable que esta decisión hará desaparecer las dudas respecto a la elección del Esperanto o del Ido entre muchos interesados por la Radio, a quienes lograron engañar los idistas.

Por otra parte nos comunican los siguientes detalles:

Durante el congreso, que contenía en su programa el problema de un idioma internacional, se nombró una comisión especial bajo la presidencia del Sr. Edmond Privat con los vicepresidentes señores Turner y Nordin (idista sueco) y secretario Sr. Epton.

En la Junta general del 19-4, el congreso aceptó la resolución favorable, des-

post interveno de S-ro. Nordin, kiu (je la nomo de Danujo kaj Svedujo) postulis la prokraston de la demando dum du jaroj, de D-ro. Corret, kiu defendis Esperanton, kaj de S-roj. Isbrucker, Grenkamp kaj Usami (japana samideano, ambasadoreja sekretario ĉe Ligo de Nacioj), kiuj parolis en Esperanto.

## LA REZOLUCIO:

**(Bv. disvastigi ĝin en ĉiuj radio-revuoj kaj en la cetera gazetaro!)**

*a)* La Unua Kongreso de Internacia Amatora Radio Unio, konstatante la malfacilaĵojn kaŭzatajn per la diverseco de lingvoj en la internaciaj rilatoj, decidas rekomendi la studon kaj uzadon de Esperanto kiel helpa lingvo de la internaciaj radiotelefonaj komunikoj kaj disaŭdigoj, kiel ankaŭ de la resumoj aŭ tradukoj en revuoj kaj kongresoj.

*b)* La sama rekomendo estas farata pri radiotelegrafaj komunikoj en okazoj, kiam korespondantoj ne povas interkompreniĝi per nacia lingvo.

*c)* Sekve de tiu decido, la kongreso alprenas ESPERANTON kiel sian helpan lingvon internacian flanke de la uzataj naciaj lingvoj.

(De *Heroldo de Esperanto* de la 25ª aprilo).

pues de intervenir el Sr. Nordin, quien (en nombre de Dinamarca y Suecia) pidió el aplazamiento de la cuestión durante dos años, del Dr. Corret, que defendió el Esperanto, y de los Sres. Isbrucker, Grenkamp y Usami (esperantista japonés, secretario de embajada en la Liga de Naciones), que hablaron en Esperanto.

## LA RESOLUCION:

**(Se ruega su difusión en todas las revistas de radio y en los demás periodicos)**

*a)* El Primer Congreso de la Unión Internacional de Radio-Aficionados, considerando las dificultades ocasionadas por la diversidad de lenguas en las relaciones internacionales, decide recomendar el estudio y uso del Esperanto como lengua auxiliar de las audiciones y comunicaciones radiotelefónicas internacionales, como también de los resúmenes o traducciones en revistas y congresos.

*b)* La misma recomendación se hace respecto a las comunicaciones radiotelegráficas, cuando los corresponsales no puedan comprenderse entre sí por medio de una lengua nacional.

*c)* Como consecuencia de esta decisión, el congreso adopta el ESPERANTO como su idioma auxiliar internacional, al lado de las lenguas nacionales en uso.

(De *Heraldo de Esperanto* del 25 de abril).

---

# Recenzo

*The British Esperanto Association* firme laboras por nia ideo. Ĝi ĵus publikigis la jenajn tri esperantajn verketojn:

*Internacional Radio Manual*, de Harry A. Epton, honora Sekretario de la «Internacia Radio Asocio», ktp.—Prezo: 6 pencoj.

Jen 80-paĝa bele eldonita verketo, en angla lingvo, vere utila en la nuna momento, kiam la mondo estas invadita de

# Crítica literaria

*La Asociación Británica Esperantista* trabaja con firmeza por nuestra idea. Acaba de publicar las tres siguientes obritas en o *pro* esperanto.

*Manual Internacional de Radio*, por Harry A. Epton, Secretario honorario de la «Asociación Radio Internacional», etcétera.—Precio: 6 peniques.

He aquí una obrita de 80 páginas muy bien editada, en inglés, verdaderamente útil en el presente momento, cuando el

la radiomovado kaj tiu-ĉi tiel ligita kaj asociita al Esperanto. Ĝi celas disvastigi kaj lernigi Esperanton inter la radio-uzantoj kaj faciligi la elkonon de radioaferoj inter la esperantistoj. Ĝia tabela enhavo estas la jena: Antaŭparolo, de Charles H. Edmonds.—Averto.—Mallonga Radio-kurso de Esperanto.—Facilaj ekzercoj.—Radio-Vortaro Angla-Esperanta.—Radio Vortaro Esperanta Angla.—Precipaj broadkastaj stacioj de l' mondo.—Radio-simboloj.—Kodo Morse en Esperanto.—Listo de mallongigoj uzataj en la radiotelegrafa trafiko, kun ilia esperanta ekvivalento.—Internacia Radio-Asocio.—Organizado de l' esperantista movado.—Miksaĵo de faktoj.

Estas dezirinde ke tiu verketo estu tradukita en ĉiujn lingvojn, profitante la bonan okazon, kiun prezentas la tutmonda radiomovado.

---

*A Norman Conquest* (Normanda Konkero), 16-paĝa komedio en tri aktoj, de William Morrison.—Prezo ne montrita.

Jen verketo, parte en angla, parte en esperanta, eĉ iomete en franca lingvoj, tre taŭga por la propagando de Esperanto, kaj tre ludebla, ĉar ĝi bezonas nur kvar geaktorojn: Percival Jones, kambioagento; Euphemia Jones, lia fratino, tre entuziasma esperantistino; Renée d' Orival, ŝia esperanta korespondantino en Paris; Mary, tutservistino ĉe la angla hejmo, apud Londono. La argumento estas:

Euphemia kaj Renée multe amikiĝis pro ilia esperanta korespondado, tiagrade, ke tiu-ĉi promesis viziti sian anglan amikinon, profitante la monatan someran libertempon. La tago de la vizito alvenis, kaj kiam Euphemia prezentas Renée 'on al sia frato, tiu-ĉi estas frapata de la simpatio de la francineto, kun kiu li ne povas

mundo está invadido por el movimiento en favor de la radio y éste tan ligado y asociado al Esperanto. Su objeto es propagar y facilitar el estudio del Esperanto entre los amantes de la radio y extender el conocimiento de los asuntos de la radio entre los esperantistas. Su índice de materias es el siguiente: Prólogo, por Charles H. Edmonds.—Advertencia.—Curso breve de Esperanto y radio.—Ejercicios fáciles.—Vocabulario de radio inglés-esperanto.—Vocabulario de radio esperanto-inglés.—Principales estaciones de *brodcastin* del mundo.—Simbolismo de la radio.—Código Morse en Esperanto.—Lista de abreviaturas usadas en el tráfico radiotelegráfico, con su equivalencia en esperanto.—Asociación Radio Internacional.—Organización del movimiento esperantista.—Miscelánea de hechos.

Es de desear que este librito sea traducido en todas las lenguas, aprovechando la buena ocasión que ofrece el movimiento radio mundial.

---

*Una conquista normanda* (A. Norman Conquest), comedia de 16 páginas en tres actos, de William Morrison.—Precio no señalado.

Es una obrita, parte en inglés, parte en esperanto y hasta un poquito en francés, muy a propósito para la propaganda del Esperanto y muy fácil de representar, pues sólo necesita cuatro personajes: Percival Jones, agente de cambios; Euphemia Jones, su hermana, muy entusiasta esperantista; Renée d' Orival, corresponsal esperantista de Euphemia en París; Mary, criada para todo servicio en casa de los ingleses, cerca de Londres. El argumento es:

Euphemia y Renée se han hecho muy amigas con su correspondencia en esperanto, a tal punto, que ésta promete visitar a su amiga inglesa, aprovechando el mes de vacaciones del verano. El día de la visita llega, y cuando Euphemia presenta a Renée a su hermano, éste es herido por la simpatía de la francesita, con

apenaŭ interkompreniĝi, ĉar li nescias francan kaj ŝi malkonas anglan lingvon. Tial li nun tre bedaŭras sian ĉiaman malamon al Esperanto, kiun li ĉiam mokis kaj ridindigis, kaj ĝoje akceptas la proponon—antaŭe ĉiam rifuzata—de sia fratino, kaj ankaŭ de sia amikino, klarigi al li kelkajn lecionojn de la lingvo internacia, kun promeso ke post unu semajno li povos iomete interparoli esperante kun siaj instruantinoj. Li varme komencis la lernadon kaj liaj progresoj estis videblaj, tiom kiom tiuj de infaneto Kupido, kiu profunde enigis siajn venenigitajn sagojn en la koron de Percival... kaj ne malpli en tiun de Renée. En tiaj cirkonstancoj estas facile divenebla la komedisolvo: Percival estas plene varbita al Esperanto kaj ankaŭ al edziĝo kun Renée, kiun la esperantaj gazetoj baldaŭ anoncis...

la cual apenas puede entenderse, pues él ignora el francés y ella desconoce el inglés. Por eso él entonces lamenta el odio que siempre tuvo al Esperanto, al cual constantemente despreciaba y ridiculizaba, y acepta con gusto el ofrecimiento—antes siempre rechazado—de su hermana, y también de la amiga de ésta, de darle algunas lecciones de la lengua internacional, bajo promesa de que en una semana podría ya conversar algo en esperanto con sus profesoras. Empezó con entusiasmo el estudio y sus progresos fueron tan evidentes como los del niñito Cupido, que clavó profundamente sus flechas envenenadas en el corazón de Percival..., y no menos en el de Renée. En tales circunstancias es fácil de adivinar el desenlace: Percival es completamente conquistado para el Esperanto y también para el casamiento con Renée, que los periódicos esperantistas anunciaron pronto...

---

*George Fox*, fondinto de la religia Societo de amikoj (Kvakeroj), de Henry van Etten.—Prezo: tri pencoj. Eldonita de «Friends' Council for international service, 136 Bishopsgate, London, E. C. 2».

16-paĝa broŝuro verkita en Esperanto, pritraktante la vivon kaj verkaron de l'angla religireformanto Fox (1624-1690), kiel propagandilo de liaj ideoj, lerte esprimitaj en korekta esperanta stilo.

*George Fox*, fundador de la Sociedad religiosa de amigos (Cuáqueros), por Henry van Etten.—Precio: tres peniques. Editado por «Friends' Council for international service, 136 Bishopsgate, Londrés, E. C. 2».

Folleto de 16 páginas, en Esperanto, tratando de la vida y obras del reformador religioso inglés, Fox (1624-1690), como obrita de propaganda de sus ideas, hábilmente expresadas en correcto estilo esperanto.

# SCIIGOJ

*Nova radiosendstacio varbita por esperantaj disaŭdigoj.*—Nia eminenta samideano kaj senlaca propagandisto sinjoro Pastro Mariano Mojado, en Madrido, atingis novan kaj gravan sukceson.

Kiel sekretario por Hispanio de la In-

# NOTICIAS

*Nueva estación radio emisora que dará audiciones en Esperanto.*—Nuestro eminente *samideano* e incansable propagandista, el Padre Mariano Mojado, en Madrid, ha alcanzado un nuevo e importante éxito.

Como Secretario en España de la Aso-

ternacia Radio-Asocio, li sciiĝis pri la baldaŭa starigo de tre potenca radiosendstacio sur la teraso de la belegaj kaj multvaloraj magazenoj «París-Madrid», kies aranĝo estas ŝuldata al la societo Unión-Radio, subtenata de grandaj kapitalistoj kaj entuziasmuloj. S-ro. Mojado tuj vizitis kaj konatiĝis kun la Prezidanto de tiu societo, kiun li sukcesis, ne nur varbi al nia afero, komencante la lernadon de Esperanto, sed altiri al la ideo jam praktikata de multaj diversnaciaj sendstacioj, t. e. la disaŭdigo de esperantaj konferencoj kaj kursoj, kaj li promesis al nia amiko tute malfermi al li la pordojn de la stacio por tiu ĉi celo.

Oni esperas malfermi tiun stacion dum la monato junio kaj ke ĝiaj elsendoj estos aŭdataj en la tuta mondo pro ĝia eksterordinara potenco, pli granda ol ĉiuj uzataj de la eŭropaj sendstacioj.

Dankon ni ŝuldas al la nomita Prezidanto de «Unión-Radio» pro lia afableco kaj progresemo, kaj koran gratulon al nia esperanta poeto S-ro. Mojado pro liaj sukcesegaj klopodoj, kiuj permesos ke tre baldaŭ ni aŭdos lian esperantan parolon, radiatan ĉiulanken.

---

*Internacia Konferenco por la uzado de Esperanto en Komerco.*—Tiu-ĉi okazis en Paris antaŭ kelkaj tagoj kaj estis granda sukceso, kiel pruvo de la ĉiam kreskanta aplikado de Esperanto en praktikaj aferoj. Pli ol cent ĉambroj de Komerco el plej diversaj landoj kaj ankaŭ la internaciaj foiroj kaj aliaj gravaj komercaj grupoj estis tie reprezentataj.

Tre fruktodona estis la laboro farita de la diversaj sekcioj de la Konferenco kaj gravaj la alprenitaj decidoj. En la venonta numero ni detale priskribos ĝian agadon.

ciación Radio Internacional, tuvo noticia de la próxima instalación de una estación radio-emisora muy potente en la terraza de los hermosos e importantísimos almacenes «París-Madrid», cuyos trabajos son debidos a la sociedad Unión-Radio, apoyada por grandes capitalistas y entusiastas aficionados. El Sr. Mojado visitó inmediatamente e hizo conocimiento con el Presidente de aquella Sociedad, a quien consiguió, no solamente interesar por nuestra causa, empezando a aprender el Esperanto, sino atraerlo a la idea ya practicada en muchas estaciones emisoras de varias naciones, esto es, la radiación de conferencias y cursos de Esperanto, y prometió a nuestro amigo abrirle de par en par las puertas de la estación para dicho objeto.

Se espera abrir aquella estación durante el mes de junio y que sus emisiones sean oídas en todo el mundo por su extraordinaria potencia, mayor que todas las usadas por las estaciones emisoras europeas.

Debemos agradecimiento al citado Presidente de «Unión-Radio» por su condescendencia y amor al progreso, y cordial felicitación a nuestro poeta esperantista Sr. Mojado por sus eficaces gestiones, que permitirán que muy pronto oigamos su palabra en esperanto, radiada hacia todas partes.

---

*Conferencia internacional para el uso del Esperanto en el Comercio.*—Esta tuvo lugar en París hace pocos días y fué un gran éxito, como prueba de la aplicación, siempre creciente, del Esperanto en los asuntos prácticos. Más de cien Cámaras de Comercio de los más diversos países y también las ferias internacionales y otras importantes organizaciones comerciales, estaban allí representadas.

Muy fructífera fué la labor realizada por las distintas secciones de la Conferencia y de gran importancia las decisiones adoptadas. En el próximo número reseñaremos detalladamente su actuación.

# Esperantistaj gazetoj laste ricevitaj en nia Redakcio

*Esperanto*, oficiala organo de *Universala Esperanto-Asocio*, 12, Boulevard du Théâtre, Genève (Suiza).
*Amerika Esperantisto*, 507 Pierce Bldg., Copley Square, Boston, 17 (Mass. U. S. A.).
*Revista del Ateneo*, Antonio Vico, 27, Jerez de la Frontera (Hispanio).
*El Aula*, organo de la hispanaj studentoj, Juan de Mena, 11, pral., Madrid.
*Agrupación Escultista*, Argentona, 3 y 5, Gracia Barcelona (Hispanio).
*La Suda Kruco*, Box 731, Elizabeth-str., P. O., Melbourne (Australio).
*Aŭstria Esperantisto*, Hovengasse, II, 13, Korneuburg apud Wien (Aŭstrio).
*Le Monde Esperantiste*, 3, rue Sophie-Germain, París.
*La Fervojisto*, Jezuitska ulica 1, Zagreb (Jugoslavio).
*Esperantio*, Berlin-Charlottenburg 2, Fach, 18 (Germanio).
*Arguso*, dumonata revuo, Apartado postal 2.482, Mexico, D. F.
*La Revuo Orienta*, Uŝigome, Ŝin' Ogaŭmaĉi III-14, Tokío (Japón).
*La Verda Lumo*, 737 Avenue Foch, Shanghai (China).
*Movado*, Kauppiask, 11 Kopmansg, Helsinki (Finlandio).
*Literaturo*, 17, Hart-Street, London W. C. 1.
*Itala Esperanta Revuo*, S. Vito al Tagliamento, Friuli (Italio).
*Kataluna Esperantisto*, Carmen, 30, Barcelona (Hispanio).
*Heroldo de Esperanto*, Horrem b. Köln, Germanlando.
*La Semisto*, Mendizábal, 3, Sabadell.
*France-Esperanto*, Rue de Clichy, 51, París (9e).
*Der Arbeiter Esperantist* (La Laborista Esperantisto), Choriner Strasse, 45, Berlín, n. 58.
*Svenska Arbetar-Esperantisten* (Sveda Laborista Esperantisto), Göteborg (Svedio).
*Corriere Balcanico Esperantista*, Vía Abate Gimma, n. 52, Bari (Italia).
*Espero Teozofia*, Krakovska, 17, Praga, II (Checoeslovaquia).
*Konkordo* organo de Sudslavaj Esperantistoj, Sudslava Esperanto-Servo, Zagreb (Jugoslavio).
*Hungara Esperantisto*, Váczi-utca, 8, I, 12, Budapest, IV.
*Litova Stelo*, Rotuŝes aikŝté, 6, Kaunas (Litovia).
*Pola Esperantisto*, Widok, 19, Varsovia (Polonia).
*Revista Técnica de Policía*, Damas, 12, Cáceres.
*Sennacieca Revuo*. Redakcio: Boulevard Beaumarchais, 24, París, XI. Administratracio: Colmstrasse, 1, III, Leipzig (Alemania).
*British Esperantist*, 17 Hart Street, London, W. C. 1.
*International Language*, ídem.
*Radio-Servo*, Locarno (Suiza).
*Ligilo por Vidantoj*, oficiala informilo de Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj, Majorsgatan 12, Stockolm (Svedio).
*Reklamo*, internacia, komerca reklamĵurnalo monata, VI Georgiev, strato Skobeleva, n.° 38, Rusĉuk (Bulgario).
*Esperantista Junularo*, oficiala organo de Tutmonda Esperanto-Asocio Junulara, kaj de Skolta Esperantista Ligo, Wedellstrasse, 17, Leipzig-Mockern (Germanio).
*Svenska Esperanto-Tidningen* (Sveda Esperanto-Gazeto), Fack 698, Stockholm 1.
*Bulgara Esperantisto*, monata organo de la Bulgara Esperantista Societo, strato Car Boris, 69, Sofio (Bulgario).

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA